

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Februaro / Marto (1) 2012



## Ĉu post Stuttgart 21 sekvos Altona 21?
## Germana Fervojo planas novan stacion en Altona


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67



**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

mi esperas ke vi bonfarte eniris la novan jaron, kaj deziras al vi prosperan jaron 2012.
Mi travivis tre agrablan jaron 2011. Amikoj pasintjare invitis min, ferii en Usono kaj pagis al mi luksan hotelĉambron. Aliaj amikoj proponis private pruntedoni al mi monon por konstrui propran domon, kaj poste peris bankan krediton je neimageble bonaj kondiĉoj. Ĉiuj miaj multaj amikoj subtenis min kaj subtenas min daŭre: Kia bona vivo.
Ho, jes, mi ja **nur** estas estrarano de Esperanto-klubo, sed mi tamen havas amikojn. Ili ne donacas al mi monon, sed ion pli valoran: Veran amikecon.
(bv. legi en la eldono 2011/5 apud la salutvortoj)
Sed nun al pli sincera temo:
**Niajn membrojn** mi speciale volas atentigi pri la **jarĉefkunveno** de *Hamburga Esperanto-Societo*, la **16an de Februaro**. Estas unu el la plej gravaj eventoj de la klubo dum la jaro, do mi petas ĉiujn membrojn, nuligi ĉiujn aliajn planojn por tiu vespero: **Venu!**
Ni devas starigi nian laboron sur pli vasta bazo.
Kiam multaj laboras, la unuopa ne devas tro labori.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

KULTUR LADEN ST.GEORG e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

Libroj postulas estimon.
Kiam oni pruntedonas ilin, ili estas ofenditaj
– kaj ne revenas.

Theodor Fontane

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2012: 15-03-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2012: 15-05-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 4/2012: 15-08-12**

En Stuttgart oni decidis jam antaŭ kelkaj jaroj, konstrui novan fervojan stacion sub la malnova kapo-stacio. Multaj homoj en Stuttgart protestis kontraŭ tiu novkonstruado ankaŭ post la komenco de la konstruado. En Hamburg-Altona nun oni ankaŭ volas konstrui traveturеblan stacion anstataŭ kapo-stacio. En la malnova loko nur restu stacio de urbaj trajnoj (S-Bahn). Per nova pli norda stacio eblos ŝpari tri kilometrojn kaj la tempon de la ofte necesa lokomotiv-ŝanĝo. La urbo Hamburg jam planas novan urbo-kvartalon sur la grandega tereno kiu estos je dispono en la loko de la multaj paralelaj trakoj kaj la apuda, nun jam ne plu uzata kargo-stacio. En Altona jam estas la dua fojo, ke la stacio ŝoviĝas norden: La unua stacio en 1844 estis konstruita apud la deklivo de la rivero Elbe, sekvis en 1893–98 la stacio en la centro de Altona, 500 metrojn norde, kaj nun la stacio iros pliajn 1500 metrojn norden. Pri protestoj ĝis nun oni nenion aŭdis eble, ĉar en Hamburg ne temas pri la ĉefa stacio, sed nur pri malpli grava stacio Altona, kies konstruaĵo el la jaro 1979 neniam estis vere ŝatata de la civitanoj kaj nur 4000 el 80000 pasaĝeroj tage uzas la eksterurbajn trajnojn. La nova loko de Altona-Nord situas tie, kie antaŭ la milito troviĝis stacio de *Altona-Kaltenkirchen-Neumünstersche Eisenbahn* (AKN). Post la milito la tereno estis uzita kiel poŝta pakaĵ-centro, kie alvenis la poŝtaĵoj trajne. Nun la poŝto uzas kamionojn kaj ne plu uzas tiun terenon. Tiu loko taŭgas por granda stacio, kaj ĝi eĉ estas sufiĉe longa kaj larĝa por instali plurajn longajn kajojn sen kurbiĝo.



**La tereno en la centro de Altona, kie oni planas multajn novajn loĝejojn**



**Stacio Altona 1899**



**Stacio AKN** (ĝis 1945)




**Komparo de la terenoj kun plej longa kajo de 500 metroj en Altona-Nord (maldekstre) kaj Hamburg ĉefstacio**

## Mitgliedsbeiträge 2012

**Mitgliedsbeiträge des Esperanto-Verein Hamburg e. V.**

**Bitte den Mitgliedsbeitrag bis zum 29. Februar 2012 überweisen !**

oder erteilen Sie eine Einzugsermächtigung
(unten auf dem Beitrittsformular im Internet:
www.esperanto-hamburg.de/beitrittsformular.pdf ).

Die Beiträge betragen:
50 € - normale Mitgliedschaft / Personen mit Einkommen
25 € - Familienangehörige, Jugendliche, Mitglieder ohne eigenes Einkommen
12 € - Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre

Kontoverbindung des Esperanto-Verein Hamburg e.V.:
GLS Gemeinschaftsbank, BLZ 430 609 67
Konto Nr. 2006716500

Mitgliedsbeiträge und Spenden an HES können in der Einkommensteuererklärung geltend gemacht werden. Soweit die einzelne Zahlung 200 Euro nicht übersteigt, genügt es gemäß § 50 Abs. 2 Nr. 2 EStDV, den Zahlungsnachweis (abgestempelter Überweisungsbeleg oder Kopie des Kontoauszugs) zusammen mit der nachstehenden Erklärung einzureichen. Aus den Unterlagen muss erkennbar sein, ob es sich um einen Mitgliedsbeitrag oder eine Spende handelt. Bei höheren Beträgen wird Ihnen unaufgefordert eine Spendenbescheinigung zugesandt.

**Bescheinigung über Gemeinnützigkeit**

Der Esperanto-Verein Hamburg e.V. ist wegen Förderung des Völkerverständigungsgedankens nach dem letzten uns zugegangenen Freistellungsbescheid des Finanzamtes Hamburg-Nord in Hamburg vom 24.09.2009 unter der Steuernummer 17/420/07983 als gemeinnützigen Zwecken dienend anerkannt und nach § 5 Abs. 1 Nr. 9 des Körperschaftsteuergesetzes von der Körperschaftsteuer befreit. Es wird bestätigt, dass die Zuwendung nur zur Förderung des Völkerverständigungsgedankens gemäß § 52 Abs. 2 Nr. 13 AO verwendet wird.

**Zur Information hier auch die Mitgliedsbeiträge des Deutschen Esperanto – Bund e.V.**

72 € - Erwachsene ab 28 Jahre
mit eigenem Einkommen
ab 36 € - Erwachsene
…ohne eigenes Einkommen

Ausführliche Informationen unter
www.esperanto.de/gea/mitglied.html

Kontoverbindung des Deutschen Esperanto – Bund e.V.:
Sozialbank Mainz, BLZ 550 205 00
Konto Nr. 0008603600

*Kun koraj salutoj Gerald Roemer, Kassenwart*

# NIA PROGRAMO

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg • 19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

Ĵaŭde de 18.30 h ĝis 19.30 h **Paroliga Rondeto:** praktikado kaj ekzercado de la lingvo

## Februaro

**2** *Filmo:*
**La Simpsonoj**
Antaŭe parto de „Mazi en Gondolando“. Entute 45 minutoj.

**9** **Esperanto-Muziko**
Muzik-filmetoj diversstile trovita ĉe jutubo. 47 minutoj.

**16** **Jarĉefkunveno**
Bonvolu legi la inviton sur p.3

**22** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**23** *Klaus Friese:*
**La komenco de mia vegana vivo**

## Marto

**1** *Diskussionsrunde:*
**Mittel- und langfristige Zukunft des Vereins**
(Diskutrondo pri la mez- kaj longtempa estonteco de Hamburga Esperanto-Societo)

**8** *Jürgen Wulff:*
**Trinkaĵoj - Eliksiroj de la vivo**
Ni pligrandigas nian vorttrezoron.

**15** **Esperanto – Pasporto al la tuta mondo**
Amuza lernfilmo pri la familio Bonvolu. Antaŭe parto de „Mazi en Gondolando“. 45 minutoj.

**22** *Benno Klehr:*
**La terura enigmo**

**28** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**29** *Ralph Glomp:*
**Kuniganta paroliga rondo**

## Aprilo

**5** Filmo de
*Bernard Vivier kaj Marie José Behm*:
**94a Universala Kongreso de Esperanto en Bjalistoko**
Impresoj de la UK de nia Hamburga-Somero-gastparo el Francio.
58 minutoj.

## Majo

**4-8** **Havena Datrevena Festo**
Kermeso-simila amuziĝo kaj ŝip-prezentadoj apud la ŝipalvenejo *Landungsbrücken* Partoprenos krozadŝipoj *Queen Mary 2* kaj *Queen Elizabeth*

# Hamburg-Enigmo



Kie en Hamburg troviĝas tiu ĉi elefanto? Ĝi ne apartenas al *Carl Hagenbeck,* sed al la ŝip-entrepreno *Carl Woermann*.

# Nova hotelo en la havena urbo

Tiu *Stadthaushotel* jam estas la dua en Hamburg, kie laboras handikapuloj en krome normala hotelo.




# Jahreshauptversammlung/ jarĉefkunveno Einladung / Invito

Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Vereins Hamburg e.V. eingeladen zur Jahreshauptversammlung

**am Donnerstag, dem 16. Februar 2012 um 19.30 Uhr**
**im Kulturladen St. Georg, unterer Saal**
**Alexanderstr. 16 • 20099 Hamburg**

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

Erstattung des Jahresberichts und des Kassenberichts
Bericht der Kassenprüfer
Diskussion
Bericht des Beirats
Entlastung des Vorstandes
Wahlen für den Vorstand
Wahlen für den Beirat
Budget, Beiträge und Pläne
Diskussion und Entscheidung über Vorschläge
Verschiedenes

Im Namen des Vorstands
Ralph Glomp, 2. Vorsitzender

# VHS-Bildungsurlaubswoche Esperanto

vom 05.03.12 - 09.03.12 bietet die KVHS Osterode am Harz eine Bildungsurlaubswoche Esperanto an. Der Kursus (gesplittet für Esperanto-Starter und Fortgeschrittene) wird im Esperanto-Centro / Interkultura Centro Herzberg stattfinden. Da schon 7 Anmeldungen vorliegen, ist die *VHS-Bildungsurlaubswoche Esperanto* so gut wie sicher. Weitere Interessenten, die intensiv Esperanto lernen möchten oder sich weiterbilden möchten, sollten sich bitte alsbald anmelden. esperanto-zentrum@web.de

# Ŝmalco 64jara – kaj manĝebla

Maljunulo en Meklenburgio en sia deponejo retrovis skatolon kun ŝmalco, kiun li ricevis per ***Care***-pakaĵo en 1948. La iama apotekisto volis scii, ĉu la ŝmalco en la nedifektita skatolo ankoraŭ estas manĝebla. En la landa instituto por nutraĵa sekureco oni malfermis la skatolon kaj ĝoje konstatis kune kun la pensiulo, ke ĝi estis ne nur manĝebla sed eĉ bongusta sur pano kun iom da salo. Resume la pensiulo komentariis: Ni germanoj forĵetas milojn da tunoj da nutraĵoj ĉiujare, nur pro la fakto, ke pasis la surpresita dato de minimuma konserveblo, kiu ne indikas la daton de kadukiĝo.

# Mandarino – la supernutraĵo

Mandarinoj certe esta centprocenta supernutraĵo. Novaj testoj montris, ke tiuj fruktoj protektas kontraŭ koratakoj, diabeto kaj apopleksioj – kaj eble eĉ helpas redukti adipozon (superpezon). Mandarinoj laŭdire ankaŭ bone helpas sanigi bronkiton, pneŭmonion, artriton kaj reŭmatismon.


Foto: Vikipedio/Maxmarsilius

Tiu sentenco povus esti ĝusta:
*Unu mandarino ĉiutage forpelas la kuraciston.*

*E. Marianne*

# Loĝejoj en Hamburg

Jam dum multaj jaroj mankas miloj da loĝejoj kun moderaj luprezoj en la urbo. Nun la urba administrado speciale okupiĝas pri la transformigo de ne uzataj oficejaj domoj al loĝdomoj. La unua tia projekto nun jam estis akceptita en strato Cremon en la urbocentro.

Per projekto kun nepre necesa angla nomo *Nexthamburg* la civitanoj estas invititaj partopreni en la estonta urboplanado ĝis 2030. De la 6a ĝis 11a de Februaro eblas al civitanoj kune kun fakuloj prezenti ideojn en la iama *Ohnsorg-Teatro* en Große Bleichen 23.
Rete: www.zukunftscamphamburg.de

# Antaŭulo de la Eŭro

En Eŭropa Unio antaŭ la enkonduko de la eŭro ekzistis *Eŭropa Kalkul-Unuo* nomata ***ecu***. Ĝi ne ekzistis kiel kontanta mono, sed nur surpapere. En Hamburg jam en 1622 ekzistis kalkul-unuo ***Mark Banco*** (Bco. ϑ). Ĝi baziĝis sur valoro de 8,66 g da arĝento (€ 8,48). La banka marko ebligis pli precizan kalkuladon ol la tiam en Germanio kutima *Kolonja Marko*, kiu valoris duonan funton da arĝento, do 233,86 g da arĝento (€ 229,18). Fakte kontantan monon en tiu tempo nur havis homoj de la superaj klasoj. Eĉ unu fenigo jam estis valora arĝenta monero (€ 0,64). Por malpli grandaj sumoj oni rompis pfenigon aŭ pagis per etaj kvantoj de varoj. Do oni vere povis pagi ion per germane konata pagado de „unu pomo kaj unu ovo“ (t.e. malmultekosta).



**La Hamburga Banko dekstre de la urbodomo 1826**

# Nova servo en Hamburg

***KatWarn*** nomiĝas senkosta servo, kiun en Novembro 2011 diskonigis la ŝtataj instancoj en Hamburg. Post poŝtelefona aliĝo al la sistemo oni ricevas per SMS (Skriba Mesaĝeto-Servo) averton kiam okazas katastrofo en la regiono, kie oni loĝas. La aliĝo estas tute simpla: Oni sendas al 0163-755 88 42 per SMS la vorton KATWARN kaj sian poŝtkodon; ekzemple por Hamburg–St. Georg oni skribas: „KATWARN 20099“ Tuj poste oni ricevas konfirmon per SMS. Speciale por homoj kiuj vivas proksime al la rivero Elbe, estas grave, sufiĉe frue ricevi averton pro inundo. Sed ja eblas aliaj katastrofoj: Uragano, incendio aŭ bombo, restinta el la dua mondmilito.

La urbo Hamburg jam dum pli ol mil jaroj daŭre pliboniĝas la sekurigon de la urbo kaj la civitanoj. La sekvon de nesufiĉa sekurigo Hamburg spertis en 1962, kiam grandega inundo trafis grandajn terenojn en la urbo. La digoj dum la milito ne povis esti renovigitaj kaj estis malfortaj. Post tiu katastrofo la digoj estis plialtigitaj kaj plifortigitaj, ke ili en 1976 kontraŭstaris eĉ pli altan akvon. En 1962 nur malmultaj homoj havis telefonon, kaj tiuj kiuj havis, ne estis atingeblaj, ĉar la kabloj difektiĝis. Intertempe, konscie pri la klimata ŝanĝo, la urbo plialtigas ĉiujn kontraŭ-inundajn konstruaĵojn. Apud la haveno multaj stratoj estas pli alte niveligitaj. Feliĉe ni ne vivas en *New Orleans*, kie la ŝtato nenion faris.

# Solvo de Hamburg-Enigmo



Du tiaj elefantoj troviĝas en la korto de Afrika-Haus en Große Reichenstraße 27.

# Ĉu stultaj maŝinoj?

Antaŭ kelkaj monatoj, kiam mi preparis prelegon pri la urba historio de Hamburg, mi trovis interesan libron pri la malnova urbodomo apud Trostbrücke. La originalo troviĝas en la biblioteko de la Hamburg-muzeo. Ġi estas presita en malnova *fraktura* skribo (𝔉𝔯𝔞𝔨𝔱𝔲𝔯). Mi trovis la tekston en la reto, sed ĝi enhavis kelkajn strangajn erarojn. Evidente la teksto estis maŝine prilaborita per skribo-rekona programo (OCR), kiu kelkfoje ne ĝuste rekonas la literojn.

En malnovaj skriboj, ankaŭ en aliaj landoj, estis uzataj du diversaj formoj de la litero S: En la fraktura estas ſ kaj 𝔰, en antikva estas ſ kaj s. La longa s (ſ) estas uzata meze de vorto, la ronda (s) je la fino. Ankaŭ en malnovaj anglaj aŭ francaj tekstoj oni trovas tian skribon, ekzemple „His Majeſty‘s goodneſs“. La maŝino interpretas tion kiel „His Majefty‘s goodnefs“. La maŝino ne povas „vidi“ diferencon inter ſ kaj f. Ekzistas certaj reguloj, kiam uzi la rondan s ankaŭ meze de vorto, ekzemple ĉe kunmetaĵoj.

Mi ne estis certa, kiel mi ĝuste skribu la nomon de la urbo Schleswig ĉar mi ne sciis ĉu estas Schles-wig aŭ Schle-swig. Pri Brun-swig mi estis certa, ke etas Brunſwig; kaj mi trovis Brunfwik en la reto. Fine mi trovis Schleswig-Holftein, do mislegitan Schleswig-Holſtein. Kaj mi trovis kaŭzon: la nomo signifas *Schleis Wiek,* do *golfo de rivero Schlei.* En la kunmetita vorto la unua parto finiĝas per s, do ĝi devas esti la ronda s.

Fakte mi apartenas al ia dinosaŭra generacio, kiu ankoraŭ lernis tiun skribon en la lernejo; ankaŭ la manskriban *Sütterlin* kun tre strangaj literoj, kiujn multaj junaj homoj ne povas legi.

Ekzemple:

estas C c D d E e K k R r S ſ s W w X x

Do, se homoj ne povas legi tion, kiel maŝino povu tion, kiu ja estas programita de homoj? Multaj homoj imagas ke komputilo povas ĉion. Sed ne: Ĝi nur pli rapide povas fari aŭ imiti homajn erarojn, kaj fakte tiu rapideco ne estas superebla de iu homo. La maŝino nur povas scii ion, kion antaŭe iu homo „instruis“ al ĝi.

# 80jara planetario




Foto: Vikipedio

La planetario en Hamburg estas internacie unu el la plej modernaj kaj samtempe unu el la plej tradiciaj stelo-teatroj en la mondo.

Per sia speciala kombinaĵo el plej moderna projekcia tekniko kun unika en Eŭropo instalita *PC-Cluster Digistar 4*, la plej granda lasera kaj luma instalaĵo, kun la *mondovidiga Cluster Sciss Uniview* kaj stelo-projekciilo *Universarium 9* la *kosmoteatro* disponas pri monde unika multmedia orkestro kiu prezentas al la vizitantoj fascinan ĉirkaŭigan scenaron el bildaj sonaj kaj moviĝantaj spektakloj.

Aktuala temo de la prezentaĵoj estas kalendaro (sube) kaj la universo de la *Majaoj* en Centra Ameriko. Videblas tridimensiaj projekcioj de rekonstruitaj konstruaĵoj el la majaa kulturo.



Foto: Planetarium Hamburg

# Ohnsorg-Teatro translokiĝis

La fama Hamburga platdiĉa teatro dum 75 jaroj havis sian sidejon en Große Bleichen, en korto de vendejoj. En 2009 oni planis renovigi kaj plimodernigi la teatron. Sed la posedanto havis alian proponon. Li preferis novkonstrui en la loko de la teatro alispecan konstruaĵon, kiu alportu al li pli altan profiton ol la malnova teatro. Li estis preta transpreni ĉiujn kostojn por la nova teatro en *Bieberhaus* apud la ĉefa stacio.




Tiel la Ohnsorg-Teatro nun disponas pri nova pli granda, moderne ekipita salono (eĉ sen ĝenaj kolonoj), krome dua sceneja salono, en la iama kineja domo. La placo antaŭ la teatro nun nomiĝas *Heidi-Kabel-Platz*, laŭ la Ohnsorg-aktorino *H.K.* (1914–2010).



Shalom.Hatikva/Panoramio

# Zamenhoffesto 2011

La 17an de Decembro ni festis nian kutiman Zamenhoffeston en la restoracio de la kulturbutiko. Ĉeestis 26 personoj la komunan manĝadon.

Ni ĝuis salaton, diversajn viandospecojn kaj legomojn. Post frukta ĵeleo kun vanila saŭco ni povis aŭskulti al Jürgen, kiu prezentis amuzan tekston.



**Gastoj dum la festo**



Per laŭtlegado de plurpersona teatraĵeto de *Marie Hankel* ni amuziĝis pri la naiveco de la pasintjarcenta aŭtorino pri la paciga potenco de Esperanto.

Poste la programo daŭris per prezentado de *Benno* pri *La Munkenano en la ĉielo.*

La lastan programeron de la vespero formis komuna kantado sub gvidado de Ralph, kun presitaj tekstoj por ĉiuj.

En 2011 ni denove festis en la restoracio, kiu estas la trairejo al la du aliaj salonoj, kie eblas festi. Supozeble en 2012 ni festos en alia salono, kie ni havos pli trankvilan apartan lokon; almenaŭ tion proponis kelkaj membroj jam antaŭe.

*Benno Klehr*



***Benno* ludas la Munkenanon en la ĉielo laŭ rakonto de *Ludwig Thoma* .**

Fotoj: Klehr/Wulff

***Ralph, Vesna, Jürgen, Ĵannat, Peggy* kaj *Pia* laŭtlegas la teatraĵon.**

